# La Bulteneto

Numero 35 Jaro 2019

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO






## Punita knabino kun tilio sur ĉeĥoslovaka unukrona monero

Paĝo 3

## La renaskiĝo de Steloj

Paĝo 9

# Punita knabino kun tilio sur ĉeĥoslovaka unukrona monero



*Inĝ. Josef Kříž, Ĉeĥa Respubliko*

**Sekreto de motivo de la ĉeĥoslovaka unukrona monero, kiu validis dum la jaroj 1957-1992, estis malkovrita nur antaŭ kelkaj jaroj dank´ al raportistoj de Ĉeĥa televido. Ili renkontiĝis en Svisio kun Bedřiška Synková – virino kies staturo estas sur reverso de la menciita monero. Se la tiamaj komunismaj policanoj konus ŝian identecon, ili ege mirus …**

Fama ĉeĥa akademia skulpturistino kaj medalistino Marie Uchytilová-Kučová (1924-1989) sukcesis en afero, pri kiu preskaŭ neniu longe sciis. Kio fakte okazis?

Marie Uchytilová-Kučová aliĝis, same kiel pluaj partoprenantoj de publika arta konkurso, kun sia propono de gipsa modelo por nova unukrona monero, kiun ĉeĥoslovaka ŝtato planis eldoni en 50aj jaroj de la pasinta jarcento. Sur reverso de la modelo por estonta monero estis genuanta knabino enplantanta per la dekstra mano tilian plantidon, tenante en la maldekstra mano la pluajn. Tilia arbo estas slava simbolo - do, ankaŭ de ĉeĥa kaj slovaka nacioj. Por sia modelo ŝi prenis foton de juna knabino. Problemo estis, ke tiun ĉi knabinon sendis tiea komunisma reĝimo jam en 1954 je 10 jaroj en prizonon, pro ŝiaj regulaj aktivecoj en landa skolta movado. La skoltoj kaj ilia agado estis en tiama Ĉeĥoslovakio malpermesitaj. Se ĉeĥaj policanoj malkovrus tiam la fakton – ke la tiutempa prizonulino servis kiel projekto por la nova monero, certe la skulptistino

mem nepre finiĝis same en prizono. La menciita knabino estis tiam 19jara ĉeĥino Bedřiška Synková – vidu sube iliajn bildojn:
Maldekstre – Bedřiška Synková, dekstre – Marie Uchytilová-Kučová.





La supre menciita artistino aŭdis pri okazintaĵo de Bedřiška Synková de ŝia patrino. La patrino de Bedřiška laboris kiel sekretariino en praga alta artlernejo, kie la artistino estis instruanta junajn adeptojn de skulpta kreado. Kiam la patrino rakontis al ŝi la teruran historieton de sia filino, la artistino tuj decidiĝis „puni“ la komunisman reĝimon. Ŝi petis de la patrino fotan portreton de Bedřiška kaj realigis sian ideon en formo de gipsa modelo. Kun ĝi ŝi aliĝis al arta konkurso. Tiam komenciĝis naski granda kuraĝa ago. Pri ŝia idea enhavo de propono de la arta projekto neniu devis scii. La artistino riskis, ke la komunisma reĝimo – se ĝi pruvus malicon damaĝi la ŝtaton - povus konsideri ŝian agadon kiel formo de sabotado kaj provoko. Reago de la reĝimo certe povus fariĝi por la artistino fatala. Tamen ŝi ne timis eblajn konsekvencojn de sia decido.

Konkurson partoprenis pli ol 100 aŭtoroj. Faka ĵurio elektis el ĉiuj proponoj motivon kun metalurgisto. Rezulton de la konkurso tamen devis ankoraŭ konfirmi ministro de financoj Julius Ďuriš (1905-1986), ĉar li havis en la konkurso lastan plej gravan vorton. Li trarigardis unuopajn proponoj kaj sen longa pripensado sekve tute nekonscie montris al propono kun prizone punita Bedřiška Synková. Lia decido jam estis definitiva.

La moneron pregis la ŝtata monerfarejo en Kremnice (nun en Slovakio) el alojo 91 % Cu (kupro), 8 % Al (aluminio) kaj 1 % Mn (mangano). Ĝi estas nemagneta, havante ŝtupdentitan eĝon, diametron 23 mm, mason 4 g. Ĝi validis de la 2a de septembro 1957 ĝis la 31a de decembro 1992, do entute 35 jarojn. Plej interese estas, kian mision ĝi prezentis.




Dum la tempo ŝanĝiĝis averso de la monero laŭ ŝanĝoj de la ŝtata sistemo – de la 2a de septembro ĝis la 30a de novembro tie estis malgranda blazono (kronhava leono) de Ĉeĥoslovaka Respubliko (ĈSR). De la 1a de decembro 1961 ĝis 30a de marto 1990 tie estis la blazono (stelhava leono) de Ĉeĥoslovaka Socialisma Respubliko (ĈSSR) kaj de la 1a de aprilo 1990 ĝis la 31a de decembro 1992  la nova blazono de Ĉeĥa kaj Slovaka Federacia Respubliko (ĈSFR):




*blazono de ĈSR*      *blazono de ĈSSR*      *blazono de ĈSFR*

**Kaj kia sorto trafis malliberigitan Bedřiška mem?**

La patrino de Bedřiška decidis batali por sia mallibera filino. Ŝi vizitis Centralkomitaton de Komunisma partio de Ĉeĥoslovakio en Prago kun skriba postulo pri liberigo de la filino. La patrino konis tie neniun, tial ŝi nur hazarde ekfrapis sur pordon de iu oficisto. Li rifuzis akcepti la postulon. Kialo – ke tiu ĉi afero ne apartenas al lia agendo. Do, la patrino kuraĝe diris

al li, ke ŝi turnos sin al lia ĉefo. Li timiĝis (ĉar tiam regis tempo, kiam timis unu la alian) kaj la postulon fine tuj akceptis. Li forportis ĝin al prezidento Antonín Novotný mem (1904-1975). Novotný ne tro studis la postulon kaj senhezite tuj konsente subskribis ĝin. Do, dank´ al tiam tre potenca komunisto estis Bedřiška liberigita el prizono, kie ŝi suferis „nur“ kvin anstataŭ dek jarojn. Baldaŭ post sia liberigo ŝi renkontiĝis vang-al-vango kun Marie Uchytilová-Kučová, kiu kaŭzis, ke ŝia bildo estis tiam en monujoj de ĉiuj homoj en nia lando.

**Mallonga ŝanco revivigi skoltadon en Ĉeĥoslovakio**

Politika situacio en Ĉeĥoslovakio komenciĝis en 1967 laŭgrade liberiĝadi kaj samtempe tio validis eĉ por la tiea skoltismo. Bedřiška – malgraŭ, ke tiu ĉi movado venigis ŝin post kradon – ŝi komencis denove engaĝiĝi en ĝi. Tiatempe ŝi ankaŭ trovis edzon, naskiĝis la fileto Albert. Sed okupacio de nia lando pere de armeoj de „Varsovia Pakto“ en 1968 denove malvarmigis la politikan situacion. Do, Bedřiška kun sia edzo kaj unujara filo decidis elmigri, unue Vienon kaj sekve Svisujon, kie ili decidis daŭre vivi. Tie Bedřiška engaĝiĝis politike – ŝi gvidis „Mondan Asocion de iamaj Politikaj Prizonuloj“ kaj eldonadis gazeton „MUKL“.



*Nun 84jara Bedřiška, edziniĝinta Hoffmannová-Synková (*1935), vivanta de 1968 en Svisujo.*

## Kaj la skulptistino Marie Uchytilová-Kučová … ?

La kuraĝa virino Marie Uchytilová-Kučová bedaŭrinde ne ĝisvivis liberan Ĉeĥoslovakion. Ŝi mortis la 16an de novembro 1989, do – unu tagon antaŭ komenco de tiel nomata „velura revolucio“. Per ŝia unukrona monero ni pagis ĝis divido de Ĉeĥoslovakio je du memstaraj ŝtatoj – Ĉeĥa Respubliko kaj Slovaka Respubliko.

## Konklude

Unukrona monero kun motivo de la knabino enplantanta tilion fariĝis la monero kun plej longtempa reala valideco (35 jarojn) en moderna historio de tiama Ĉeĥoslovakio. Estas historia paradokso, ke maljuste punita knabino havis tiom longe sian propran „monumenton“ en poŝo de ĉiuj ĉeĥaj kaj slovakaj civitanoj.



# SINPREZENTO

Mia nomo estas Josef Kříž, pasintan junion 75jara. Mi estas esperantisto de la jaro 1975/76 kaj 10 jarojn (1988-1997) mi gvidis Esperantoklubon en la regiona urbo Ústí nad Labem (Aussig an der Elbe) en norda Ĉeĥio, kie mi loĝis kaj laboris kiel kemiisto - de la fino de mia kemia altlerneja studo en 1967 ĝis pensiuliĝo en 2009. Tiam mi revenis en la malgrandan vilaĝon Strašov (mia naskiĝloko). Dum 2007-2009 konstruis por ni malgranda konstrufirmao novan dometon - sur la sama loko, post forigo de la malnova gepatra domo, kiu estis en averia stato.

Numismatiko, kiel help-scienco de historio, komencis interesi min en 1968 en Ústí nad Labem. En 1970 mi fariĝis membro de Ĉeĥa Numismatika Asocio. En 1975 mi prezentis mian unuan prelegon en Ústí nad Labem por tieaj numismatikistoj je la temo „Numismatikaj memoraĵoj al popolleviĝo de Ferenz Rakoczi [ferenc rákoĉi] la 2a kune kun hungaraj bienmastroj kontraŭ aŭstria Imperiestra Krono (1703-1711)". De tiu tempo mi prezentis multajn prelegojn je diversaj temoj (ne nur

numismatikaj) kaj en la ĉeĥa lingvo en nia lando kaj en Esperanto dum diversaj E-seminarioj kaj jarkonferencoj en Pirna, Dresden, Leipzig (Lepsiko), Chemnitz [kemnic], Kronach [kronaĥ], Forchheim [forĥhajm] kaj Nürnberg (Nurenbergo). Eĉ nun enuo por mi ne ekzistas. Ĉiumonate mi preparas prelegojn por miaj numismatikaj gekolegoj en la regiona urbo Pardubice (25 km de nia vilaĝo). La 9an de februaro mi komencis prezenti la unuan prelegon (Bertha von Suttner - la unua virino, kiu ricevis Nobelpremion por paco en 1905) ankaŭ por niaj vilaĝanoj en nova prelegejo, kiu estas parto de la novkonstruita domo por lokaj volontaj fajrobrigadistoj (2017) de la tuta distrikto Pardubice, tamen la seminarioj por ili ne okazas ĉiusemajne. Tiel ekestis spaco por organizi tie pluajn societajn aranĝojn. La vilaĝo Strašov havas nur 335 civitanojn - mian prelegon partoprenis 30 el ili. Por mi - sukceso, ĉu ne vere?! La 23an de marto mi daŭrigos - la temo: „De Petr Ginz ĝis raketoplano Columbia [kolúmbia]".

Tio estas miaj koncizaj „esperanto- kaj numismatiko-biografioj".
Amike salutas vin s-ano Josef Kříž, Strašov 61, 533 16 Vápno, Ĉeĥa Respubliko.
panglotia@gmail.com, Marto 2019



Josef Kříž - dum prelego en Lepsiko (2001) je la temo
„Elbo – nia ligilo en Eŭropo“

# La renaskiĝo de Steloj

Antaŭ kvin jaroj kaj duono, dum FESTO 2012 en Métabief, Alexandre 'Alekĉjo' Raymond venis al mi kun freneza sed interesa ideo: eldoni Esperanto-monon. Tiutempe FESTO multe inovaciis, ĝi eldonis proprajn tasojn, ĉemizojn kaj pli. Dum la renkontiĝo grupo de homoj ĉirkaŭ tablo diskutis kiel aspektu la moneroj, kiom ili valoru kaj kiel ili funkciu.
Post la somero Alekĉjo kontaktis kun presejo de plastaj moneroj por taksi, kiom realigebla estas la ideo. La plano fine aspektis jena:

- Estu moneroj de 1, 3 kaj 10 steloj. Tio ebligos rapidan pagadon de diversaj eblaj monsumoj.
- La moneroj estu malsamkoloraj kaj malsamgrandaj, por ebligi facilan kaj rapidan uzon.
- La koloroj estu ruĝa, flava kaj verda, kaj la simboloj gufo, papago kaj krokodilo.
- La valoro de unu stelo egalu al la plej malgranda kutima elspezo en trinkejo aŭ gufujo, do unu taso da teo aŭ unu glaso da kolao.

La finaj desegnoj estis senditaj kaj 3000 moneroj estis presitaj en oktobro 2012. Bonŝance en la fino de oktobro okazis malgranda renkontiĝo, kiun mi kunorganizis: Klaĉ-Kunveno Post-Somera en Nederlando. Ĝi estis perfekta por testi la novan monsistemon. La publiko ŝatis la monerojn, kaj sukcesis adaptiĝi al ĝia uzado. Post KKPS la Itala Esperanto-Junularo iĝis kuninvestanto de la projekto.
La originala valoro estis difinita kiel 4,2 steloj en unu eŭro. Poste la valoro estas ligita al la inflacie kompensitaj valoroj de eŭro, realo kaj zloto kun pezoj de 76%, 20% kaj 4%. Do same kiel la antaŭa stelo, tiu ĉi stelo teorie tenos sian valoron. Ekde 2012 ĝis 2017 la valoro de unu eŭro en steloj variis inter 4,040 kaj 4,581.
La steloj estas ĉefe uzataj en trinkejo de junularaj Esperanto-renkontiĝoj. Ili estas valida pagilo en KKPS 2012-2017, IJF 2013-2017, JES 2012 kaj 2017, SES kaj FESTO 2013 kaj IJK 2015. Krome ili uziĝis en kelkaj trajnkaravanoj kaj eblas mendi ilin poŝte ĉe Alekĉjo aŭ Roĉjo. Daŭre uziĝas steloj dum ĉiu IJF (paske) kaj KKPS (aŭtune). Krome ili uziĝos dum la IJK 2020 en Nederlando.
La avantaĝoj de steloj en trinkejo estas la facila uzo, la malalta pezo relative al metalaj moneroj, kaj la fiero havi specialan Esperanto-monon. La ĉefa malavantaĝo estas la bezono interŝanĝi alian monon kontraŭ steloj en la komenco de la renkontiĝo.
La kvanto presita en 2012 devus sufiĉi por uzo en eĉ la plej grandaj junularaj renkontiĝoj. Se ilia uzo aŭ kolektado ekster la junulara movado ankaŭ kreskos, tiam dua presado estos pripensinda.

Rogier 'Roĉjo' Huurman

Bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Bonvolu mendi la plastajn Stelojn ĉe rogier.huurman@gmail.com

# La arĝenta speciala monero 100 Steloj 2018

## La kialo

La Esperanto-kulturo havas ne nur proprajn lingvon, literaturon, historion kaj muzikon, sed ankaŭ propran monon – almenaŭ simbolan: Iam la Spesmilon, nun la Stelon. Aktuale uziĝas Stelo-moneroj dum junularaj Esperanto-kongresoj.

Tia monero estas facile montrebla simbolo de la viveco de la Esperanto-lingvo. Monero aŭ medalo estas malmultekoste produktebla, facile transportebla kaj daŭripova.




**Klarigoj**

La medalo en la formo de 100-Stela monero aperis okaze de la 150a naskiĝdatreveno de René de Saussure la 17an de marto 2018. Li estis la inventinto de la universala mono.

Limigita eldonkvanto: 1000. Ne okazos posta represado.
Maso: 1 unco da arĝento 999/1000 (31,1 gramoj).
Oficiala atesto senkosta.
Pro la leĝa situacio en Aŭstrio la arĝentostampo estas 925.
Diametro: 37 mm. Surfaco: brila PP.

Liverado en originala plasta kapsulo de Münze Österreich AG (Moner-farejo Aŭstria AK).

Eldonisto: Mag. Walter Klag, Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio, esperanto@chello.at.
Dezajnistoj: Mag. Walter Klag kaj Mag. Helmut Andexlinger, la ĉefgravuristo de Münze Österreich.

Helmut Andexlinger gvidas ekde 2016 la gravuristan sekcion de Münze Österreich. En la aŭstria urbo Steyr li sukcese trapasis la gravuristan edukadon. Poste li studis komunikado-sciencon en la Viena Universitato. Unu el liaj plej grandaj sukcesoj estas la dezajno de la 2-Eŭra monero 2012, kiu cirkulas en 17 landoj – li gajnis en konkurso kontraŭ 800 aliaj partumantoj.

Produktisto:
Münze Österreich AG, Wien 3., Am Heumarkt 1, muenzeoesterreich.at.
Münze Österreich AG estas 100%-a filia kompanio de Aŭstria Nacia Banko.

Prezo 49 € plus sendokostoj.

Liverado post antaŭpago sur la konton de
Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien, Aŭstrio.
Bonvole skribu vian ekzaktan adreson (eventuale ankaŭ la numeron de la loĝejo) al esperanto@chello.at.
Se vi havas demandojn, bonvole skribu al esperanto@chello.at.
Pliaj bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo
René de Saussure: https://eo.wikipedia.org/wiki/Ren%C3%A9_de_Saussure
Per la aĉeto vi subtenas la eldonon de pliaj moneroj. Ankaŭ donacoj bonvenas.




Unu el la dek oraj 25-stelaj moneroj,
numero 7, kiu vendiĝis pere de la aŭkcio.




Verŝajne temas pri la lasta ekzemplero de tiu raraĵo.

## Stelaro




Po 30 ekzempleroj de la 100 Steloj liveriĝis de Münze Österreich AG
sur tiuj pletoj.

.




La pregomaŝino de la firmao Gräbener
Pere de tiu maŝino pregiĝis la 100-Steloj-moneroj en Vieno

# Esperanto-Numismatika Asocio

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la fakgrupo „Esperanto-Numismatika Asocio” (ENA) kun revuo „Esperanta Numismatiko”, probable la ununura tia fakgrupo en la historio de Esperanto.

La instiga fakto estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur kvar jaroj ĝis 82 individuaj membroj kaj 18 esperantaj organizaĵoj, bibliotekoj kaj muzeoj, dise en la mondo.

Agrable por ni kaj vi estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: „Mi konsentas aliĝi”). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn, 4 n-rojn jare.

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA. Se vi deziras kromajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be

Vi rajtas unue peti provnumeron! Vi decidos poste!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de „Esperanta Numismatiko”

# STELO-TABELO

| Nominalo | Materialo | Maso | Dia-<br>metro | Jaro | Eldon-<br>kvanto |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 Stelo | Bronzo | 3,4 g | 20 mm | 1959[1] | 5000 |
| 5 Steloj | Latuno | 5,0 g | 23 mm | 1959[1] | 5000 |
| 10 Steloj | Cu – Ni | 9,0 g | 28 mm | 1959[1] | 5000 |
| 25 Steloj | Cu-Ni 75-25 | 19 g | 37 mm | 1965 | 1000 |
| 25 Steloj | Ag 0,900 | 25 g | 37 mm | 1965 | 5000 |
| 25 Steloj | Au 0,983 | 50 g | 37 mm | 1965 | 10 |
| 1 Stelo | Plasto ruĝa | 0,8 g | 23 mm | 2012 | 3000 |
| 3 Steloj | Plasto flava | 0,9 g | 25 mm | 2012 | 3000 |
| 10 Steloj | Plasto verda | 1,3 g | 29 mm | 2012 | 3000 |
| 100 Steloj | Ag 0,999[2] | 31,1 g<br>1 unco | 37 mm | 2018[3] | 1000 |
| 50 Steloj[4] | Ag 0,999[2] | 15,6 g<br>½ unco | 34 mm? | | |
| 10 Steloj[4]<br>5 Steloj[4]<br>1 Stelo[4] | Nordia oro | 1 unco<br>½ unco<br>⅓ unco | 38 mm?<br>35 mm?<br>32 mm? | | |

Nordia oro estas ne oro, sed alojo el
89 % Cu, 5 % Al, 5 % Zn kaj 1 % Sn.
La 10-, 20- kaj 50-eŭrocendaj moneroj konsistas el nordia oro.
Ag = arĝento, Al = aluminio, Au = oro, Cu = kupro, Ni = nikelo, Sn = stano, Zn = zinko, g = gramo.

Produktado de la plastaj Steloj: Stekelbees, Belgio.
Retpaĝo http://www.plastic-coins.com

---

[1] Pregitaj en la jaro 1960

[2] La monero konsistas 999/1000 el Ag, sed pro la leĝa situacio en Aŭstrio la Ag-stampo estas 925.

[3] Pregita en la jaro 2017

[4] Projektoj



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung** und das **Globenmuseum**